# La Bulteno

Numero 18 • René de Saussure - Jaro 2018

ISBN 978 3 903247 06 2



# KLEMENS BROSCH

## TRAGIKA SORTO DE GENIULO



Ekspozicio en Belvedere ĝis la 3a de junio 2018



# La Bulteneto

Numero 18 • Jaro 2018.
Eldonistoj: Renate kaj Walter Klag.

Redaktejo kaj presejo:
Rudolfinergasse 8/11, 1190 Wien-Vieno, Aŭstrio.
La cifereca versio estas senkosta.
Informoj pri la tarifoj de la presita versio kaj anoncoj:
esperanto@chello.at.

Papero: Mondi Color Copy 120 g $m^{-2}$, farita en Aŭstrio.
Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono

Skriboj: Calibri (teksto),
Times New Roman (klarigo de la bildoj).

La paperan version ricevas donace:
Aŭstria Nacia Biblioteko, Vieno, Aŭstrio;
CDELI, La Chaux-de-Fonds, Svisio;
Germana Esperanto-Biblioteko, Aalen, Germanio;
Biblioteko Hector Hodler de UEA, Roterdamo, Nederlando;
Interkultura Centro Herzberg, Germanio;
Esperanto-Biblioteko "Ramon Molera Pedrals", Barcelona, Hispanio;
Biblioteko de Esperanto-Societo Kebekia, Montrealo, Kanado;
aliaj bibliotekoj post peto.



Bildoj:
Paĝoj 5, 6: Belvedere
Paĝoj 1, 7: Walter Klag



# Genia desegnisto

Genia desegnisto remalkovriĝis: Klemens Brosch, kiu naskiĝis en la jaro 1894 en Linz ĉe Danubo kaj memmortigis sin en la jaro 1926 proksime de Linz, nur 32-jaraĝa. Ĝis nun li estis konata kaj honorita ĉefe en Supra Aŭstrio. De la famaj muzeoj en Vieno Belvedere posedas tri bildojn de Brosch; Albertina posedas neniun. La aliaj verkoj de Brosch troviĝas en muzeoj de Linz. Stella Rollig, la nova direktorino de la muzeo Belvedere, estis antaŭe direktorino de la muzeo Lentos en Linz kaj iniciatis la aktualan ekspozicion de verkoj de Brosch en Belvedere.

La patro de Klemens Brosch estis direktoro de Ĉefa Lernejo kaj pioniro de la fotado, la patrino de Klemens Brosch devenis de la sukeraĵista familio Kastner, kies firmao ankoraŭ ekzistas en Bad Leonfelden, 30 km norde de Linz. Fotoj kaj bildoj faritaj de lia patro kaj lia plej aĝa frato Franz instigis lin al propra desegnado.

Jam frue la knabo Klemens Brosch entuziasmiĝis pri la mondo de la fervojo. En multaj desegnaĵoj li redonis en ĉiuj detaloj lokomotivojn, vagonojn kaj trajnojn. Li havis kvazaŭ „fotistan rigardon“. Volonte li migris tra la naturo kaj desegnis pejzaĝojn, plantojn kaj bestojn. En la lernejo li ricevis la plej bonan noton por desegnado. Kelkaj laboraĵoj montras lian inklinon al sinistraj, minacantaj, groteskaj artmotivoj.

Post la elementa lernejo li iĝis gimnaziano kaj abituris en Linz en la jaro 1913. Samjare li fondis kune kun Franz Sedlacek (poste pentristo de la skolo Fantasta Realismo) la artistan asocion MAERZ. La nomo signifas „marto”, kaj rilatas al „ver sacrum“, latine por „sankta printempo“, arta rekomenco en la periodo de Junstilo. Kvar jarojn poste Klemens Brosch forlasis tiun asocion,

kiu ĝis hodiaŭ aktivas en Linz. En la akademio Brosch gajnis ĉiujn premiojn, kiuj estis gajneblaj. Fulmrapide li famiĝis kaj kutimis havi sukceson.

Pro pulma malsano Klemens Brosch ne devis militservi kaj studis en la Akademio por Figura Arto en Vieno. Ekde 1914, kiam ekis la Unua Mondmilito, li deĵoris libervole kiel soldato en Pollando, ĉe la Galicia fronto. Liaj pulmo kaj koro estis malfortaj kaj li suferis je sven-atakoj. La pulman malsanon oni klopodis kuraci per morfino, kio tiam estis medicina kurac-kutimo. Post 50-taga militservo li devis forlasi la armeon kaj daŭrigis sian studadon. Pro la kruelaj spertoj dum la militservo li desegnis senpaŭze, realisme, radikale kaj akuzante: Fantomecaj scenoj, mortpafitoj, malsat-mortintoj, pendigitoj - ĉiuj detaloj en ege kontrastaj desegnaĵoj.

1920 li edziĝis, sed ne ekhavis infanojn. Ankaŭ lia edzino iĝis dependa de morfino kaj kokaino. Pro la altaj kostoj por la fi-drogoj ambaŭ baldaŭ malriĉiĝis. Ripetataj restadoj en hospitaloj ne liberigis ilin de la fi-drogoj. Sekvis sensukcesaj suicid-klopodoj kun kaj sen lia edzino.

Pro sia malsano li povis desegni nur kun grandaj penoj. Liaj artmotivoj iĝis romantikaj, fantastikaj, historiismaj, psikozaj. La freneza „Iĥtiosaŭra Friso“ el la jaro 1926 aspektas kiel kuliso por „Ĵurasia Parko“.

Sian memmortigon li detale surscenigis la 17an de decembro 1926. Li skribis adiaŭajn leterojn, kuŝigis sin sur tombo sur monto Pöstlingberg norde de Linz, surmetis gasmaskon el la Unua Mondmilito kaj venenigis sin per kloroformo ĝismorte.

Liaj ekslibrisoj (paĝo 6) aspektas kiel vojaĝo en alian mondon: Juna viro sidas nude sur giganta pugno, kiu tenas grandegan krajonon. La junulo rigardas en la ĉielan stelaron, ne deturnas sin.



Prononco:
Brosch [broŝ]; Linz (la ĉefurbo de Oberösterreich = Supra Aŭstrio) [linc]; Ĉefa Lernejo (germane „Hauptschule”) estas lernejo por infanoj de la 10a ĝis la 14a vivojaro; Franz [franc]; Sedlacek [sédlaĉek]; ver sacrum [ver sakrum].






Klemens Brosch: „Danko de la Invalidoj“,
unu el 48 studaĵoj, desegnitaj de la 9a ĝis la 18a de novembro 1915, krajono, ĉiu 17,2 x 21,5 cm.
Oberösterreichisches Landesmuseum.
Muzeo de la federacia lando Supra Aŭstrio.






Ekslibrisoj
de Klemens Brosch
Unua koncepto kaj fina versio 1916

Titolbildo
Klemens Brosch: Rigardo trans la tegmentojn.
Akvarelo, krajono sur papero. Sen jarindiko.
Oberösterreichisches Landesmuseum.

Ekspozicio en
Unteres Belvedere
Suba Belvedero
ĝis la
26a de aŭgusto 2018.




# KLIMT NE ESTAS LA FINO
# NOVA KOMENCO EN MEZA EŬROPO

La ekspozicio estas kunlaboro de Belvedere en Vieno, la Centro por Belartoj en Bruselo BOZAR kaj la Muzeo de la Belartoj – Hungara Nacia Galerio en Budapeŝto.

De la 21a de septembro 2018 ĝis la 20a de januaro 2019 tiu-ĉi ekspozicio videblos en la Palaco des Belartoj (Palais des Beaux-Arts) en Bruselo okaze de la Prezidanteco de la Konsilio de la Eŭropa Unio fare de Aŭstrio en la dua duono de 2018. La ekspozicio estas kontribuaĵo por la Eŭropa Kulturheredaĵa Jaro 2018.

Verkoj de 90 artistoj de la tereno de la iama Aŭstri-Hungaria monarkio, la Danuba Monarkio, rigardeblas. Listo de la artistoj kaj aliaj informoj troviĝas sub www.belvedere.at/presse.

1918 mortis Gustav Klimt, Egon Schiele, Koloman Moser kaj Otto Wagner. En la sama jaro finiĝis la Unua Mondmilito. Sur la tereno

de la Aŭstri-Hungaria Monarkio estiĝis novaj ŝtatoj kun propraj oficialaj lingvoj kaj diversaj politikaj sistemoj. Malnova epoko finiĝis. Klimt iĝis superreganta kulta figuro kaj reprezentis la pasintecon. Estiĝis novaj stiloj: Surrealismo, Ekspresionismo, Nova Realismo, Fantastismo. La ŝtata „Bauhaus" fondiĝis 1919 de Walter Gropius en Weimar. Tio estis tute nova sintezo el arto kaj metio. „Bauhaus" aktivis ĝis 1933 kaj estis centro por la avangardo de la Klasika Modernismo sur ĉiuj fakoj de la libera kaj aplikita arto.

Vieno ne plu estis la sola ĉefurbo de la arto. Prago, Budapeŝto kaj Berlino iĝis novaj artaj centroj. Tamen oni celis intensan kulturan interŝanĝon trans la ŝtatajn, politikajn kaj ideologiajn limojn. Ne estiĝis nacia arta stilo. En Mezeŭropo fondiĝis transnaciaj gazetoj kaj artaj institucioj. La artista identeco estis pli grava ol la nacia.

Tiu periodo abrupte finiĝis kun la komenciĝo de la Dua Mondmilito 1939. Flanken ŝoviĝis la komprenemo por kultura komuneco kaj interkultura dialogo. Ne plu realiĝis artaj ideoj kaj konceptoj trans politikajn limojn.

La aŭstria dramaturgo Franz Grillparzer antaŭvidis tiun evoluon jam en la jaro 1849 kaj esprimis epigrame: „La vojo de la nova klerigo iras de la humaneco tra la nacieco al la besteco."

Fonto: Franz Grillparzer: Sämtliche Werke. Ausgewählte Briefe, Gespräche, Berichte. Hrsg. von Peter Frank / Karl Pörnbacher. 2 Bände. München 1960, Bd. I, S. 500.

Prononcoj: Schiele [ŝile]; Weimar [vajmar]; Franz Grillparzer (1791 - 1872) [franc grilparcer].




Paul Gebauer
1888 (Sosnová, nun Ĉeĥio) – 1951 (Harburg, Germanio)
Portreto de la banka direktoro Koch, 1928.
Oleo sur lino.
Kolekto de la Silezia Ŝtata Muzeo en Opava.



Béla Kádár (1877 Budapeŝto 1956)
Stadtbild mit Brücken, um 1921
Urba vido kun pontoj, ĉirkaŭ 1921
St. Stephen's King Museum
Deák Kolekto, Székesfehérvár

# Bolardoj kontraŭ teroristoj




Bolardoj en la politikista kvartalo de Vieno.

Teroristoj kaj frenezuloj havas novan metodon: Ili ŝtelas aŭ luprenas kamionon kaj amoke veturas tra strato, kie estas multaj promenantoj. Tian atakon oni timas ankaŭ en la Aŭstria ĉefurbo Vieno.

Ballhausplatz (tio signifas pilkludeja placo), estas la centro de la politikista kvartalo en Vieno. Ĉirkaŭe staras la sidejo de la ĉefministro (Bundeskanzler) kaj la sidejo Hofburg de la ŝtata prezidento de Aŭstrio, lastatempe ankaŭ la provizora parlamentejo de Aŭstrio. En la 19a jarcento la urba muro baris la rigardon. Ekde la formeto de tiu muro la vienanoj povis ĝui

liberan rigardon al la parko kaj la pompaj konstruaĵoj en historiisma stilo. Agrablis la granda, libera areo.

## Nova muro

En septembro 2017 konstrufirmao komencis starigi kvar betonajn blokojn sur Ballhausplatz: Longeco ok metroj, alteco 80 centimetroj, dikeco unu metro. Inter ili tralasejoj kaj 17 bolardoj. Sed estiĝis konfuzo: Kiu mendis tion? Ĉu vere eldiskutita? Oni ŝanĝis la planon: Ne muroj, sed 42 bolardoj protektu la politikistojn. Kostoj: 488 mil €. Tiuj fostoj donu sekurecon ne nur por la politikistoj, sed ankaŭ por la multaj partumantoj de diversaj konferencoj, ekzemple de la Organizo por Sekureco kaj Kunlaboro en Eŭropo en la apudaj Hofburg-salonegoj.

## Protekto ne nur por politikistoj

Ankaŭ aliloke oni volas eviti atakojn per similaj baraĵoj: En stratoj, kie troviĝas multaj magazenoj, aŭ ĉirkaŭ adventbazaroj kaj festejoj. En ĉiu kazo estas dilemo en la decidoj pri novaj baraĵoj: Libereco aŭ sekureco? Kiaj kaj kiom da sekurigaj instalaĵoj sufiĉas, por ke la promenantoj ne sentas sin malliberaj en la ebleco senĝene moviĝi en la urba spaco.

Renate kaj Walter Klag

Marto 2016 – Februaro 2017

# Raportoj el Japanio 20

## Katastrofo de Japanio en la sesa jaro

HORI Jasuo




Mendu la libron ĉe la libroservo de UEA

# 95. Deutscher Esperanto-Kongress

# und

# Französischer Esperanto-Kongress

# und

# Luxemburger Esperanto-Kongress




## Dreiländer-Esperanto-Kongress in Zweibrücken
## 18. - 21. Mai 2018

**Thema: Esperanto - global vernetzt**

Unser Kongressgebäude ist die Hochschule, Amerikastraße 1,
66482 Zweibrücken/Pfalz.

Einige der Programmpunkte:

Stadtführung im Stadtzentrum, Besuch von Europas Rosengarten, Besuch des romantischen Schlosses “Fasanerie”, Begegnung mit Pferden auf “Anjas Ranch”, Busfahrt nach Pirmasens und Umgebung, Busfahrt nach Blieskastel, Busfahrt nach Bitsch (Frankreich).
Fachvorträge, Internationaler Abend mit Musik und Tanz, Gottesdienst.

Informationen, Kontakt und Anmeldung:

Internationaler Esperanto-Klub Zweibrücken, Postfach 2019, 66470 Zweibrücken

95aGEK@esperanto-reto.eu

# Esperanto in Wien lernen

ESPERANTO

## EINE STUNDE KOMPAKT

**FÜR STUDENTINNEN UND STUDENTEN**

im Café Schopenhauer, Wien 18., Staudgasse 1.
5 Gehminuten von U6 Währingerstraße.
Die Termine erfahren Sie bei

esperanto@chello.at

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende



## Esperanto-Jugend-Lernrunde Wien

für Junge und Junggebliebene,
für alle Sprachniveaus.
Bei der besten, größten und billigsten Pizza Wiens lernen wir
in gemütlicher und unterhaltsamer Runde ganz individuell.

**Pizzeria Mafiosi, Wien 15., Reindorfgasse 15**

Termine und Anmeldung: jel_vieno@yahoo.com

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende



## Freie Esperanto-Lernrunde Wien

Termine: kurt.lhotzky@gmail.com

Literaturbuffet, Wien 2., Rotensterngasse 2.
U2 Taborstraße

Teilnahme kostenfrei • Keine Spende

"Esperanto ist eine hervorragend gelungene Form der
Optimierung von Sprache
für die internationale Kommunikation."
Univ.-Prof. Dr. Heiner Eichner, Wien

# Esperanto-Kongresse für junge Leute

Internacia Junulara Kongreso IJK

Somera Esperanto-Studado SES

Junulara Esperanto-Semajno JES







Klaĉ-Kunveno Post-Somera KKPS

Franca Esperanto-Semajno Terure Organizita FESTO

| |
|---|
| Bei einigen dieser Kongresse kann man mit Steloj zahlen.<br>1 Eŭro ≈ 4 Steloj   1 Stelo ≈ 25 €-Cent |









# GEDENKJAHR 2018

## 2018 ist Saussure-Jahr. Vor 150 Jahren, am 17. März 1868, wurde René de Saussure in Genf geboren.

Nach dem Studium der Sprachwissenschaft und der Mathematik verfasste er sein wichtigstes Werk "Über die Wortbildung im Esperanto".

1907 publizierte René de Saussure das Projekt einer universellen Währung, die er "Spesmilo“ nannte. Aus dem französischen Wort "espèce" leitete er "speso" ab. Mil bedeutet 1000. 1 Spesmilo (Sm) = 10 Spescentoj (Sc) = 100 Spesdekoj (Sd) = 1000 Spesoj.







Diese Währung wurde offiziell von einigen britischen und Schweizer Banken verwendet.

Der Spesmilo (Sm) hatte den Wert von 0,733 g reinem Gold und konnte wegen der Goldbindung leicht in andere Währungen umgerechnet werden:
1 Sm = 2 Britische Schillinge = 1 Russischer Rubel = 0,5 US-Dollars = 2,5 Schweizer oder Französische Franken = 2,5 Spanische Peseten.

Die Münzen zu 1 und 2 Sm waren und sind bis heute begehrte Sammelobjekte und verschwanden daher schnell aus der Zirkulation. Seit 1919 hat der Spesmilo nur mehr numismatischen Wert.

1942 wurde in den Niederlanden die Universala Ligo gegründet. Diese Organisation trat für die internationale Verständigung und eine universelle Währung ein. Der Name dieser Währung ist Stelo (Esperanto: Stern; Mehrzahl Steloj). 1959 wurden Münzen zu 1, 5 und 10 Steloj geprägt, 1965 folgten drei Varianten einer 25-Steloj-Münze. Auch Papiergeld wurde herausgegeben. Die Steloj eigneten sich sehr gut vor allem für die Überweisung von kleineren Beträgen im internationalen Zahlungsverkehr. Auch diese Münzen und Geldscheine wurden eifrig gesammelt und sind heute sehr gesucht.






Zur 150. Wiederkehr des Geburtstages von René de Saussure am 17. März 2018 wurde eine silberne Medaille in Form einer Münze mit einer Nominale von 100 Steloj herausgegeben. Sie besteht aus 1 Unze Feinsilber 999/1000 (31,1 g), der Durchmesser beträgt 37 mm. Hersteller ist die Münze Österreich, eine Tochter der Österreichischen Nationalbank. Die künstlerische Feinarbeit stammt von Mag. Helmut Andexlinger, der Chefgraveur der Münze Österreich ist. Andexlinger leitet seit 2016 die Graveurabteilung der Münze Österreich. Er hat die Fachschule für Metalldesign in Steyr absolviert, danach studierte er Kommunikationswissenschaften an der Universität Wien. Zu seinen größten Erfolgen zählt das Design für die 2-Euro-Münze 2012, die in 17 Ländern in Umlauf ist; er gewann dafür einen Wettbewerb mit 800 Einreichungen.




Prezo 49 € plus sendokostoj.
Mendoj: esperanto@chello.at

Esperanto ist im Aufschwung. In den letzten drei Jahren meldeten sich über 1,5 Millionen bei den kostenfreien Esperantokursen von lernu und duolingo an. Parallel dazu steigen auch die Teilnehmerzahlen bei Esperanto-Jugendkongressen.

Abbildungen von Stelo-Münzen findet man bei Wikimedia Commons unter https://commons.wikimedia.org/wiki/Category:Stelo

Walter Klag



# Internationales Esperanto-Museum

Wien 1., Herrengasse 9
Haltestelle Herrengasse der U3
☏ 0043 1 534 10 730 💻 esperanto@onb.ac.at

Öffnungszeiten: Dienstag bis Sonntag 10 bis 18 h
Donnerstag 10 bis 21 h

**Esperantokurse und Führungen auf Anfrage.**



Im selben Haus befinden sich auch die
**Sammlung für Plansprachen**,
die
**Musikaliensammlung**
und das
**Globenmuseum**

Unverkäufliche, private Ausgabe – Nevendebla, privata eldono